# LA GAZETO

# ENHAVO



**LA JUBILEA ESPERANTO KONFERENCO OKAZOS EN GRAZ EN LIBERA NEŬTRALA AŬSTRIO DE 25JUL87 ĜIS 1AŬG87 • LA URBO GRAZ KONTRIBUOS AL LA STARIGO DE LA STATUO DE NEERGAARD : " LA ESPERO "**

umero 0 30SEP85

# PRI LA GAZETO


**L A   G A Z E T O**

**dusemajna kleriga periodaĵo de la**
**MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ**
**por disvolvigo de la esperantista kulturo**

E l d o n a s :
ESPERANTO-MFKA-METZ

R e d a k t o r o :
Eugène de Zilah

K u n l a b o r a n t o j :
M F K A - 002 - METZ

G r a f i k i s t o :
Daniel Nonnenmacher

F o t i s t o :
Edgar de Zilah

Adreso de la redakcio
kaj administracio :

L A   G A Z E T O
**39, rue Joseph Hénot**
**F - 57070 M E T Z**

A b o n o j  ĉ e:

CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F - 57000 M E T Z
pĉk. 762 79 P NANCY
kaj
ĉe la perantoj de
LA GAZETO kaj HORIZONTO

A b o n p r e z o j :
- jara (18 numeroj) : 22 ekuoj;
- 9 sinsekvaj numeroj: 12 ekuoj;
- 6 sinsekvaj numeroj: 8 ekuoj.

*(laŭ kurzoj sur la 10-a paĝo)*

LA GAZETO ne aperas dumsomere.

A n o n c o j :
1/4 da paĝo = 40 ekuoj.

Grupoj de MFKA rajtas anonci senpage.

R e c e n z o j :
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la Redakcio.

P E R A N T O J :

**Aŭstrio:** D-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 Graz. Pĉk. Graz 1257.845. Abono: 343/187/125 As.

**Britio:** Geoffrey King, 228, Capworth Street, London, E10 7HL. Pĉk. 37.507.9106. Abono: 12,1/6,6/4,4 GBs.

**Danio:** Eldonejo Perspektivo, Nørregårdsvej 91, DK -2610 Rødovre. Pĉk. 9 32 95 95. Abono: 176/96/64 DKs.

**Francio:** Club d'Espéranto de Metz, MCL, Pĉk. 762 79 P Nancy. Abono: 150/80/54 Fs.

**F R Germanio:** Rudolf Helmke, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne. Konto Nr. 31 377 450 Sparkasse Möhnesee (BLZ 414 514 85). Abono: 49/26,7/17,8 Ds.

**Grekio:** Adda Sakellaropoulou, Aghias Paraskevis 30, Ateno 816. Abono: 2280/-1240/830 GRs.

**Hispanio:** Luis Hernàndez-Yzal, Banca Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35. Abono: 2860/-1560/1040 Es.

**Israelo:** Ben-Alter Jehiel, P.O.B. 379, Petah Tikva. Pĉk. Bank Hadoar, 4-45854-8. Abono: 25300/-13800/9200 ILs.

**Italio:** Enrico Mingo, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli. Abono: 32600/17770/11850 Is.

**Kanado:** Kriss Smilga, 34 Martin Road. Toronto Ont. M4S 2V2. Abono: 23,2/12,7/8,5 CANs.

**Luksemburgo:** Albert Wickler, 1 rue de Kehlen, L-Olm. Pĉk. 54175-49. Abono: 990/540/360 Ls.

**Nederlando :** Marianne Vermaas, Nieuwe Binnenweg 70, I.R. 3015 BC Rotterdam. Pĉk. 333790. Abono: 55/30/20 NLs.

**Svedio :** Gösta Persson, Buntmakaregatan 1, S-25248 Helsinborg. Ĝirkonto: 434 1664-3. Abono: 145/80/53 Ss.

Directeur de la publication: Madeleine de ZILAH
Impression : ELDONEJO PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre



# KARA LEGANTO !

Ĉu mirinde se la unua ĉefartikolo de nova ĵurnalo kun novaj ideoj kaj nova programo ekkaptas formon leteran? Ĉu pardoneble se mi volas senpere alparoli vin, novan leganton kaj, espereble, abonanton? Ĉu mi eraras supozante ke, malgraŭ klaĉoj kaj malamikecaj atakoj, vi estas homo prudenta, kiu bonvolas trafoliumi la sekvantajn dudek paĝojn kaj prijuĝi ilin laŭ via propra konscio?

Rigardu! La plej grava parto de **LA GAZETO** estas la dua: **NIA UNIVERSITATO, NIA GIMNAZIO, NIA LERNEJO.** La duono de ĉi-tiu ĵurnalo volas anstataŭi tion, kio plej terure, plej grave, plej danĝere mankas al nia popolo: **la lernejan instruadon.** Ĉiu nacia kulturo, kiu iom sinestimas, instruadas dum jardeko sian nacian kulturon al siaj infanoj. Ĉiuj scias (sed estas kiuj misintence ignoras) ke se oni ne instruadas la klasikulojn, kun la nacia kulturo kaj sentemo, foriros la forto konsistiganta popolon ajnan. Ĉi tiu scio pravigas la gigantajn elspezojn por la budĝetoj de la ministerejoj pri edukado kaj la ŝtatajn programojn de la lernejoj.

Kion ni havas, ni Esperantistoj, por pludaŭrigi nian kulturon? Kongresojn, konferencojn, staĝojn, kunloĝadojn kaj kelkajn maloftajn (somerajn) universitatojn. Sed ĉiuj malgrandetaj popoloj havas ĉi ĉion! Ili tamen elspezas por deviga lerneja instruado! Kia popolo rajtigus fremdajn lernejojn por instrui ĝian kulturon? Jes ja ni estus kontentaj se ĉiuj lernejoj lernigus la Internacian Lingvon, sed ni devas kompreni, ke neesperantistoj ne povas vere transdoni la Esperantan kulturon. Ili ofte eĉ neadas ke ĉi tiu kulturo ekzistas. Ĉar se kulturo vere ekzistas, ekzistas ankaŭ popolo! Kaj "neŭtrala popolo" (vortoj de Zamenhof), se ĝi ekzistus, transirus, kiel ĉiuj diasporoj, la barojn de la bestigaj ŝtataj egoismoj.

Estu do certaj: neniam ŝtataj lernejoj disvastigos la internacian kulturon, anstataŭ aŭ apud la nacian. Eble, kiam ni estos tre fortaj, tre riĉaj, tre solidaraj, tiam ili permesos, egalnivele al instruado de aliaj fremdaj lingvoj, la instruadon de Esperanto. Tiam la lingva problemo solviĝos, sed ankoraŭ ne estos la "fina venko", la mondo ankoraŭ ne estos kultura komunaĵo de la homaro kaj ni devos daŭrigi la batalon.

Sed ni ankoraŭ ne estas ĉe la sojlo de la ĝenerala akceptado de Esperanto, kaj sen lernejoj kie nia kulturo transiĝas, ni neniam estos tie. Oni amuzas nin per ŝtataj promesoj neniam plenumotaj por ke ni ne ekkaptu en niajn proprajn manojn niajn problemojn. Princoj de ŝtatoj kaj de eklezioj firme promesis, promesadis... kaj neniam plenumis, sed ja estas normale ke princoj ellegis "La Princo"-n de Makiavelo. Kaj ni, ĉu ni **neniam ion lernos, ion legos, ion komprenos?** Certe neniam se ni ne akceptas ellerni lernejan programon komparindan al nacilingvaj programoj. En kiuj lernejoj? Nu, ni estas malgranda diasporo, do ni ne povas vivteni lernejojn. Ni devas do organizi gigantan perkorespondan lernejon kaj fariĝi instruistoj por niaj infanoj kaj mem lernadi kiel ĉiuj veraj instruistoj ĝis nia lasta tago.



*D-ro de Zilah dum diskutado*

**LA GAZETO** estas la plej ofta ĵurnalo de la movado, ĝi ĉiujare alportos al vi ĉirkaŭ unujaran lernejan programon sur 180 paĝoj. Vi povos plibonigi viajn gramatikajn konojn klarigante al komencantoj la du paĝojn de "NIA LERNEJO". Sur la 20-a paĝo, nome, ili trovos tekston kompreneblan post dumonata studado de la lingvo, en bona Esperanto, kiu tamen estas vera interesa historio de homo juna, kiu, en malgranda aŭtomobilo, tute sola travojaĝadis Afrikon. Ni ne laŭhazarde elektis la temon de vojaĝado. Fakte kun nia juna vojaĝanto ni ellernos tute nature la nomojn de kunprenendaj manĝaĵoj, de pecoj kaj ŝparpecoj aŭtomobilaj, de vestaĵoj kaj kovriloj, de armiloj kaj kuiriloj, sen forgesi la plej oftajn verbojn de la vera vivo. Komencanto kunvivos veran vojaĝon kun simpatia vojaĝanto, kiu alparolas lin Esperante, kvazaŭ li

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

petveturus en Saharo. Nenio estas falsa, nek la fotoj, nek la aventuroj: la priskribitaj vojaĝoj vere okazis. Lerni la lingvon per tiaj tekstoj estas efika plezuro.

Sed oni ne fariĝas Esperantisto konante nur la vortojn, kiuj esprimas ĉiutagaĵojn, samkiel oni ne estas anglo simple tial ke kiamaniere oni scipovas diri mia tajloro estas riĉa.(1) Por alveni al esperantismo endas pleniĝi de la Esperanta kulturo, t.e. de niaj literaturo kaj historio, de temoj kaj verkistoj elektitaj de niaj tradukistoj, de socipolitikaj problemoj renkontitaj de niaj gvidantoj kaj eĉ de la neraciigebla etoso de niaj kunvenoj. En naciaj kulturoj ĉi tio estas tasko de la mezlernejoj. **NIA GIMNAZIO** enhavos priliteraturan kurson laŭ bone konataj metodoj de Eŭropaj mezlernejoj, faritan de profesiaj instruistoj. Nenio mankos, eĉ ne skribaj taskoj, se vi deziras sukcesi la gimnaziajn studojn de **MFKA**. Vidu la paĝojn de la rubriko "NIA GIMNAZIO", kaj vi trovos ĉiujn klarigojn.

**NIA UNIVERSITATO** estas afero pli altnivela. En ĝi vi trovos kontribuaĵojn kaj eseojn de niaj profesoroj, akademianoj, sciencistoj kaj aliaj famuloj. Ĉiaj 72 paĝoj dum abonperiodo estas prioritate apertaj al AKADEMIO de ESPERANTO, KULTURA CENTRO ESPERANTISTA (KCE), EUROPA KLUBO (EK), SOMERAJ UNIVERSITATAJ KURSOJ (SUK), kaj aliaj esperantlingvaj institucioj. Ili estas, ili devas esti, gardistoj kaj konstruistoj de nia kulturo, nepras ke ĉiuj veraj Esperantistoj konatiĝu kun la rezultoj de ilia laboro.

La alia duono de LA GAZETO entenas la rutinajn rubrikojn de Esperantisma periodaĵo. Duonmonata, ne aperanta dum somero por lasi ferii siajn abonantojn, kun siaj 18 kajeroj jare, **LA GAZETO ESTAS LA PLEJ OFTA PERIODAĴO MOVADA.** Nepre sendu informojn pri ĉiuj viaj aranĝoj internaciaj: ni publikos ilin dufoje, je ekricevo kaj en la lasta numero antaŭ la dato de via aranĝo. (Ĉi tiuj servoj estas senpagaj por la grupoj kaj fakaj asocioj de la MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ. Simpla kolektiva abono al LA GAZETO aniĝas ajnan grupon kun la kondiĉo de ratifikado fare de la venonta INTERNACIA FORUMO.) Pri la prezoj de abonoj, servoj, anoncetoj, k.c. vidu la duan paĝon de LA GAZETO.

Mi ankoraŭ ne eldiris ĉiujn avantaĝojn, kiujn vi eltiros el LA GAZETO, kiu servas la Esperantistaron sensektece kaj neŭtrale, t.e. senzorge pri ajnaj ŝtataj, naciaj, religiaj, rasaj aŭ politikaj interesoj. Por ni nur gravas la interesoj de la Esperantistaro! Sed ĉi ĉio estas temo de la ĉefartikolo de la n-ro 1 de LA GAZETO, kiun espereble vi legos. Ĉia titolo estos: **KARA ABONANTO!**

*Eugène de ZILAH*

(**Noto**: "my tailor is rich" estas unua frazo de la fama lernolibro por komencantoj de la angla lingvo: ASSiMiL).



## 11-a INTERNACIA KONFERENCO DE LA INTERNACIA CENTRO DE LA NEUTRALA ESPERANTO–MOVADO

**La prelegoj kaj diskutoj.**

La 11-a IK de ICNEM okazis en Metz (F) de 27JUL85 ĝis 3AŬG85. Ĝi estis historia. Oni kutime trouzas ĉi tiun adjektivon, sed tio, kio okazis inter 27JUL85 kaj 3AŬG85 en Metz, devigas nin tiel fari. La temo de la Metza IK estis: "Humaneca Internaciismo", tio estas la baza ideo de Esperantismo en la perspektivo de la tria kolono de la esperantisma ideologio: **Ivo Lapenna.** Sciate estas, ke, de la komenco de Esperanto, tri homoj baze kontribuis al la konstruado de Esperanto: **Zamenhof, Lanti** kaj **Lapenna.** Iliaj ideoj kunekzistas en nia kultura komunaĵo, sen esti absolute kuntaŭgaj. La laboro de la 11-a IK permesis al la esperantistaro pli klare kompreni la bazajn ideojn de la esto esperantisma kaj respondi al multaj gravaj demandoj, ekzemple: kial mi estas Esperantisto?, kion mi esperas de la venko de Esperanto?, kio estas Esperanto?, kial Esperanto estas multe pli ol la Internacia Lingvo? kaj aliaj.



*Prof. Lapenna, d-ro de Zilah kaj la vicurbestrino de Metz, s-ino Judlin*

Ĉi tiu baza ideologia laboro disvolviĝis ĉirkaŭ kvin prelegoj publikaj preparitaj de la eminentaj membroj de la fakaj asocioj de MFKA:

- Prof. Ivo Lapenna: "Esperanto kiel Lingva Esprimo de Humaneca Internaciismo" (29JUL85)
- Prof. Ĥristo Marinov: "Ekologio kaj Humanismo" (29JUL85)
- Prof. Evaldo Pauli: "Internacia Humanismo kaj Edukado" (1AŬG85)




*Indiktabuloj, eĉ en stratetoj, dum la 11-a Internacia Konferenco, en Metz*

- Walter Zelazny: "Sovetismo kaj Esperantismo" (1AUG85)
- D-ro Eugène de Zilah: "Interna ideo de Esperanto kaj Humaneca Internaciismo" (2AŬG85).

La teknikaj servoj de la IK sukcesis surbendigi la prelegojn laŭ ĉiuj postuloj profesiaj, ili do estas aĉeteblaj ĉe ESPERANTO-MFKA-METZ, kontraŭ po 9 ekuoj (bv. v. pĝ. 10-an). Ili estos publikigitaj broŝurite antaŭ la venonta, Atena, IK. Partojn el ili vi povos legi ankaŭ en "NIA UNIVERSITATO" de **La Gazeto.**



*Prof. Ĥristo Marinov (MFKA-016)*

**La decidoj.**

**La Jubilea Internacia Konferenco de la Zamenhofa neŭtrala esperanto-movado okazos en Graz, Aŭstrio.** Ĉi tiu IK ne havos numeron por klare elmontri, ke temas pri digna soleno de la jubilea jaro fare de la tuta esperantistaro, kiu rifuzas la partipolitikajn manipuladojn de la movado. Ne ĉio devas okazi dum la jubilea jaro, en totalismaj landoj, se ni ne volas, ke la publikopinio malestime forpuŝu nian idealon, kvazaŭ fanatikan apogon al totalismoj. Io devas resti post la jubilea jaro, memorigilo por ĉiuj, ne nur por esperantistoj. Ĝi estos arta ĉefverko de la mondfama dana skulptisto: Jesper Neergaard: "**La Espero**", granda statuo el blanka marmoro Karara sur malhelverda granita bazo. Post klopodoj de d-ro Perko (MFKA-009-GRAZ) la Graza municipo pagos parton de la statuo. La partoprenintoj de la 11-a IK kunigis en kelkaj minutoj ĉirkaŭ 3000 ekuojn. Tamen restas pli ol duono pagenda. La 11-a IK decidis peti ĉiujn esperanto-organizaĵojn kaj ĉiujn unuopajn esperantistojn kontribui al la starigo de la komuna monumento.

**El la letero de la prezidanto de ICNEM al ĉiuj esperantistoj:**

"La starigo de la Jubilea Esperanto-Monumento koncernas la tutan esperantistaron, sed pro praktikaj kaŭzoj ICNEM prizorgas la kolektadon de donacoj.



*Prof. Evaldo Pauli (MFKA-005)*



*Prof. Ivo Lapenna dum la solena malfermo de la 11-a Internacia Konferenco*

Donaco de individuo, societo aŭ grupo estu minimume 500 dkr. aŭ egalvaloro laŭ la kurzo en la tago de la pago. Pli grandaj donacoj estas speciale bonvenaj. Informoj pri la ricevitaj donacoj regule aperados en la revuo HORIZONTO. Laŭdezire anonimeco estos respektata.

La donacintoj havos honorlokojn dum la inaŭgura solena ceremonio. Iliaj nomoj estos presitaj en speciala Jubilea Dokumento, kiu post la ceremonio estos deponita en la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. Ĉiu donacinto ricevos kopion de la Dokumento.

Se la tuta kolektita sumo superos la minimumon de 100.000 dkr., la pluso estos utiligita unuavice por kovri la eventualajn pliajn kostojn kaj, duavice, por kiel eble plej efika kaj vasta informado pri la atingoj de Esperanto sur la kultura kampo.

La subskribinto afable petas ĉiujn, kiuj jam firme promesis donaci, kaj ĉiujn, kiuj deziras finance kontribui por la starigo de la monumento, sendi senprokraste, se iel eble jam antaŭ la 1-a de decembro 1985, siajn donacojn al la kasisto de ICNEM, S-ro Peter Zacho, Nørregardsvej 91, DK-2610 Rødovre, Danlando, poŝta ĉekkonto Kopenhago (København) 1 19 06 01. Escepte, se pli simple por la donacantoj, el Aŭstrio oni povas sendi la donacojn al D-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 Graz, pĉk. 1257.845; el Francio al S-ino Madeleine de Zilah, 39 rue Joseph Hénot, F-57070 Metz, pĉk. 2620 33 W Nancy; el Britio per ĉeko je la nomo de la subskribinto, 77 Grasmere Avenue, Wembley, Middlesex, HA9 8TF. NE FORGESU



*S-ino Adda Sakellaropoulou, organizanto de la 12-a IK (1986.), kun prof. Oton Pancer kaj S-ino Thierry*

MENCII, KE LA SENDITA SUMO ESTAS VIA DONACO POR LA "JUBILEA ESPERANTO-MONUMENTO".

**Anticipan** dankon al ĉiuj, kiuj kontribuos por la starigo de la monumento al neŭtrale-homa lingvo en internacijure rekonita neŭtrala Aŭstrio."

*Ivo L A P E N N A*

**500 DKs valoras ĉ. 63 ekuojn.** Apartajn artikolojn vi trovos en **LA GAZETO** pri la skulptisto Jesper Neergaard kaj pri la statuo, "La Espero". **LA GAZETO** peros, evidente senprofite, ĉiujn donacojn, kiujn oni sendus pere de ĝi.

**La 12-a IK de ICNEM kaj la 2-a IF de MFKA okazos en Ateno, Grekio, de 26JUL86 ĝis 2AUG86. La** temo estos: "Paco kaj libereco", do ICNEM **intencas** daŭrigi la ĝisdatigon de siaj ideologiaj **bazoj.** Nek paco, nek libereco estas memevidentaj **konceptoj.** Neniu volas la pacon de tombejoj aŭ karceroj; neniu volas la liberecon de sovaĝaj bestoj. Ni nepre devas scii, kion implicas nia volo. La kultura programo estos inda je la kultura nivelo de la ICNEM-konferencoj kaj dum la postkonferencaj aranĝoj estos probable unusemajna **ŝipkrozado inter la helenaj insuloj.**



S-ino Mona Agrignan (MFKA-017), el Togo



Prof. Hristo Marinov alportas la aliĝon al MFKA de la granda asocio de ekologiistoj bulgaraj, (sidantaj, de maldekstre, s-ro Thierry kaj d-roj Perko kaj de Zilah)

## UNUA INTERNACIA FORUMO DE MFKA EN METZ

**Neantaŭvidita sukceso** opiniis ĉiuj partoprenantoj, ne nur pro aliĝoj de tre foraj grupoj el Sudameriko kaj Afriko, sed pro la sukceso de la nova farmaniero, kiu eligis la fakajn asociojn el siaj apartaj salonoj, kaj donis al ili larĝan publikon. Fakte, dum la ICNEM konferencoj ĉiuj prelegoj estas publikaj kaj rilatas al la ĉeftemo de la konferenco, sekve, dum la fakaj kunvenoj oni parolas nur pri la internaj aferoj de la asocioj, sed la homoj interesitaj de la prelegoj plej ofte ĉeestas kaj pasie intervenadas. Multaj el ili abonas la fakajn revuojn kaj, laŭ sia fako, aliĝas fakan asocion. La fakaj asocioj estas la estonteco de la Movado, nur ili povas altigi la Esperanto-kulturon pli alten ol la naciaj. Ĉiu vera esperantisto devus agadi en la faka asocio de sia metio. **Prof. Evaldo Pauli** substrekis la neceson de fakaj revuoj en Esperanto kaj insistis, ke ĉiu klera esperantisto abonu almenaŭ la fakrevuon de sia metio.

K l e r i g a  p e r i o d a ĵ o.
La Forumo decidis la kreadon de la kleriga kaj informa periodaĵo sufiĉe ofta por satigi la emon de la esperantistaro al vera strukturigita kulturo. Vi havas en viaj manoj la provnumeron de la dirita periodaĵo: **LA GAZETO**. Ni certe ne atingis la perfektecon en la prepartempo, kiun lasis al ni la Forumo. **Viaj sugestoj, leteroj, kunlaboremoj estas tre atendataj.** Ĝis la finpretigo de la unua Eŭropa eldoncentro de MFKA, LA GAZETO estos kompostata en Metz (F) fare de ESPERANTO-MFKA-METZ, dank'al la sindonema laboro de la grupo MFKA-002-METZ, kaj ĝi estos presata en Kopenhago (DK), fare de ELDONEJO-PERSPEKTIVO, dank'al oferemo de la grupo MFKA-012-KOPENHAGO. Se la esperantistaro respondas al la esperoj de MFKA, de 15DEC85, Zamenhoftago, la **Esperanto-Movado havos la eblecon transdoni la jarcentan esperantisman kulturon al novaj generacioj** kaj Esperantistoj povos fieri pri sia kulturo klasika samkiel oni fieras pri etnolingvaj kulturoj.

## KULTURA CENTRO ESPERANTISTA LA CHAUX-DE-FONDS

STUDI FERIANTE, ESPERANTO-STAĜOJ POR KOMENCANTOJ KAJ POR PROGRESANTOJ

Kiuj deziras eklerni esperanton aŭ perfektiĝi en ties praktiko, tiuj venas el la tuta mondo al La Chaux-de-Fonds. Taŭge programita instruado distra kaj humurplena igas ĉiun staĝon por komencantoj kaj por progresantoj neforgesebla feri-semajno en bela svisa montara regiono. La kurs-gvidantoj efike

helpas ĉiujn en la lernado per rimedoj bazitaj sur la teknikoj aŭd-vida, perbilda, pergesta kaj struktur-ŝanĝa. Ili neniam parolas nacilingve, eĉ kun la tutkomencantoj, kaj iliaj lingvistikaj konoj helpas ilin priatenti la lingvajn apartaĵojn de ĉiu lernanto. La staĝojn povas do partopreni iu-ajn-lingvano. Studi matene, ferii posttagmeze, kune pasigi agrablajn vesperojn en esperantlingva medio: jen la vivo ĉe Kultura Centro Esperantista.
Venontaj staĝoj: 21-25SEP85, 18-22NOV85, 20-24-JAN86, 17-21FEB86, 24-28MAR86, 21-25APR86, 19-23MAJ86, 23-27JUN86.
Prezoj: Tuta aranĝo en 1/3/4-lita ĉambro: 224/196/180 ekuoj. Eblas pagi vian restadon perlabore. Petu informojn!
Informadreso: KCE, Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, tel. 039 26 74 07, kaj ĉe **LA GAZETO**, kiu peras ĉion, senprofite, por KCE.

## FONDIĜO DE HOMARANISMA ASOCIO

La longa kaj celkonscia laboro de **Helmut Welger** atingis sian celon: de ĉi tiu jaro ekzistas la **HOMARANISMA ASOCIO**. La juna asocio, tuj sukcesa, aliĝis la Mondan Federacion de Kulturaj Asocioj, kaj petis la sekretarion de MFKA, d-ro Eugène de Zilah, akcepti la direktadon de la Kultura Konsilantaro de la **HOMARANISMA ASOCIO**.
Ni, kompreneble, sekvos kun ega intereso, la laborojn de H.A. Jen la paragrafo 6-a de la statuto de la H.A. :
"Celoj. La celoj de H.A. estas:
a. studi kaj evoluigi la homaranismon;
b. eduki siajn membrojn al homaranismaj pens-, sent- kaj agmanieroj;
c. disvastigi la homaranismon en, kaj precipe ekster, la Esperanto-movado.
La Asocio ne havas partipolitikajn aŭ profitajn celojn."
Ĉiuj interesatoj skribu al **LA GAZETO**, kiu peros iliajn leterojn, aŭ al **Helmut Welger, Bismarck-strasse 28, D-3550-MARBURG.**

## ESPERANTO-DARMSTADT-1985

22SEP85 - Fungomigrado: ni volas kolekti fungojn kaj preparos ilin tuj. Spertuloj kaj spertiĝemuloj estas bonvenaj!
7DEC85 - Vintronoktafesto: Ni kunvenos por ludi kaj por festumi. Ĝenerale ĉeestas multaj Esperantistoj el nia regiono.
INFORMADRESO: Familio WOITE, An der Kirche 33, D-6115 MÜNSTER (Dieburg), tel. 06071/33568

## 26-A KULTURA SEMAJNFINO EN KARDINAL-WENDEL-HAUS, HOMBURG/SARLANDO, 6-8DEC85

**Okazos jenaj kursoj kaj prelegoj:**

**A. Por komencantoj:** Enkonduka kurso. Lernolibro: Wir lernen Esperanto (Wingen). Kursestro: Pastoro Adolf Burkhardt, Bissingen (D)

**B. Por progresantoj:** Parolaj kaj legaj ekzercoj por profundigi la lingvajn konojn. Legolibro: Faktoj kaj fantazioj (Bulton). Kursestro: Daniel Luez, Laon (F)

**C. Por esperanto-parolantoj** okazos preleg-serio pri la temo "La originala poezio de Esperanto". Preleganto: Baldur Ragnarsson, Reykjavik (IS). Bezonata libro: Esperanta antologio.

**Liber-tempa programo:**
- Konversaciaj vesperoj,
- vizito al la sablo-ŝtonaj kavernoj,
- evangeliana di-servo (Pastoro Burkhardt).

Apartan **infanan programon** prizorgos Takajo Walz, Zweibrücken. Oni tranoktos en unu- kaj tri-litaj ĉambroj. Plena pensio kostos ĉ. 45,- Ds (20,25 ekuojn) por unu tago. Aliĝleteron bv. resendi al SEL, Schulstr. 30, D-6601 Scheidt, ĝis la 30a de **Novembro 1985**. La aliĝ-kotizon, 15,- Ds (6,75 ekuojn), bv. pagi al nia pĉk. Saarbrücken 5358-663 aŭ sendi al **LA GAZETO**, kiu senprofite peros ĝin.

## 22-A STAĜO DE PAROLATA ESPERANTO EN VILLERS-LES-NANCY (F), 26-27OKT85

Agrabla staĝo por perfektiĝi en parolata Esperanto, la plej vizitata en orienta Francio. Kursoj por komencantoj, praktikantoj, kaj enkonduko al pedagogio. Aliĝkotizo: ĉ. 11 ekuoj, 6 ekuoj por junuloj malpli ol 18-jaraj, senpaga por infanoj malpli ol 12-jaraj.





# PREZOJ KAJ KURZOJ

## LA UZADO DE LA MONUNUOJ EN "LA GAZETO"

En Esperantaj ĵurnaloj ĉiam elmetiĝas la problemo kiujn monunuojn oni devas uzi. Verŝajne ne ekzistas simpla kaj de ĉiuj akceptinda solvo. Ŝajnis al ni, ke pli simple estos ne uzi la monunuojn de diversaj landoj, nomante ilin laŭ iliaj komunuzaj nomoj, ĉar fakte paroli pri "dolaro" ne sufiĉas, ja ekzistas usonaj, kanadaj, barbadaj kc. dolaroj, la "liroj" povas esti italaj kaj turkaj, ktp. Se do oni ĉiumaniere devas reveni al nomoj de monunuoj, kiujn antaŭas adjektivoj, (ekz. usona dolaro, itala liro, ...) plivaloras paroli tute adjektive kaj ne balastigi la memoron de Esperantistoj per nomo de monunuoj. La "usona dolaro" do fariĝas en **LA GAZETO**, "usona speso" kaj ĝia mallongigo: "USAs" ($); la "franca franko" fariĝas "franca speso" kaj ĝia mallongigo "Fs" (FF); la okcidentgermana marko: "Ds" (DM) kaj la orientgermana: "DDRs". Do se vi vidas en la ĵurnalo la monsumon: "200 TRs", vi scios, ke temas pri du cent turkaj spesoj, kio sufiĉas por paroli pri prezoj. Se vi volas scii la nomon de la turka monunuo, vi trovos ĝin en ajna enciklopedio, aŭ plibone, en la "Praktika Poŝkalendaro" de MONATO.



Ĉiuj prezoj kaj reklamoj de **LA GAZETO** esprimiĝos en ekuoj (EKU), kiu estas la Eŭrop-Komunaĵa Unuo de kalkuloj. Ĝia kurzo jam estas en ĉiuj prifinancaj ĵurnaloj, kaj aldone **LA GAZETO** ĝin publikos en ĉiu numero, laŭ la jena maniero:

**1 ekuo valoris je 12AŬG85:**

| LANDO | EKU-KURZO | LANDO | EKU-KURZO |
|---|---|---|---|
| As | 15.603 | Js | 185.676 |
| Bs | 44.783 | Ls | 44.783 |
| BGs | 0.804 | MAs | 7.966 |
| CDNs | 1.056 | Ns | 6.536 |
| CHs | 1.833 | NLs | 2.501 |
| Ds | 2.223 | Ps | 131.738 |
| DKs | 8.009 | PLs | 119.528 |
| DZs | 4.118 | Ss | 6.581 |
| Es | 129.989 | SFs | 4.717 |
| Fs | 6.777 | SUs | 0.633 |
| GBs | 0.551 | TGs | 338.865 |
| GRs | 103.603 | TNs | 0.667 |
| Hs | 38.513 | TRs | 417.558 |
| Is | 1480.981 | USAs | 0.777 |
| ILs | 1150.665 | YUs | 213.400 |
| ISs | 32.332 | | |

Tio signifas, ke, ekzemple, se la aliĝkotizo al la JUBILEA ESPERANTO KONFERENCO kostas, ĝis 1SEP86, 600As, kaj se vi estas belgo, vi devas jene kalkuli:

600As valoras
600 :15.603 = 38.454 ekuojn
kaj 38.454EKUs valoras
38.454 x 44.783 = 1722.092Bs

Ĉio ĉi ŝajnas nun iom komplika, sed vi alkutimiĝos rapide kaj tuj komprenos la prezojn kaj kostojn eldiritajn en ekuoj.



**E**
**EKE**
**EKUKE**
**EKE**
**E**

**Kiomfoje oni povas legi la vorton EKU interligante apudajn literojn?**
*(solvo en n-ro 1)*



# DU SIMPOZIOJ DE LA FILOZOFIA ASOCIO TUTMONDA

La Filozofia Asocio Tutmonda (FAT) simpoziis dufoje dum ĉi tiu somero: unuafoje en METZ, ĉar ĝi estas kultura asocio de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj, duafoje en AŬGSBURGO, sekve antaŭajn aranĝojn.

La Metza Simpozio neniom kostis al FAT, ĉar MFKA senpage disponigas salonojn al siaj membro-grupoj. En Aŭgsburgo la prezidanto de FAT, profesoro Evaldo Pauli devis lupreni, dum unu horo kaj duono, salonon, kiun oni devis forlasi tuj poste, sen pridiskuti la prelegojn. Se oni scias kian gravecon havas pridiskutado post filozofia prelego, oni imagas kiom, en Aŭgsburgo, estis disrevigitaj la filozofiemuloj. Deko da homoj, kiuj ĉeestis kaj la gravan 11-an IK-on de ICNEM, kaj la 70-an UK-on de UEA, kompreneble tuj komparadis la etosojn de ambaŭ filozofiaj simpozioj.

**En Metz** la filozofiaj prelegoj estis ne nur publikaj, sed la organizado estis tia, ke neniu alia programero okazis samtempe, do ĉiuj interesitoj povis ĉeesti. Fakte pli ol cent homoj aŭdis la tri filozofiajn prelegojn, faritajn de tri membroj de FAT: profesoroj I. Lapenna, E. Pauli kaj E. de Zilah. La tri prelegoj estis, laŭ ĉies opinio, tre altnivelaj kaj rilatantaj al la temo de la konferenco. Prof. Lapenna, kun precizeco, klareco kaj belsoneco, kiuj ĉiam karakterizas liajn prelegojn, elmetis la konceptaron de la "humaneca internaciismo", kiu estas baza ideo de lia, pli ol kvindekjara, luktado por Esperanto, kaj kies klarigado dum ĉi tiu historia Metza konferenco, ne estis nur prierudicia okupo, sed grava respondo al la junularo ĉeestanta, kiu postulis respondon al sia demando pri la idealo esperantisma. La du aliaj prelegantoj, ambaŭ fakuloj pri filozofio, submetis la ideon de la humaneca internaciismo kaj de la apudaj ideoj de humanismo, interna ideo de Esperanto, edukado kaj ceteraj, al striktega filozofia analizo. La tondradaj aplaŭdadoj kaj la longaj diskutadoj, kiuj sekvis la prelegojn sufiĉe elmontris la intereson de la Esperantistoj por la temo. La teĥnikaj servoj de la konferenco surbendigis kaj la prelegojn kaj la pridiskutadojn; oni povas mendi la kasedojn ĉe ESPERANTO-MFKA-METZ, ili kostas po 9 ekuojn. Aldone okazis kvarhora kunveno de la membraro de FAT, ĵaŭdon, la 1-an de aŭgusto, kie estis pritraktitaj precipe la problemoj de la revuo filozofia SIMPOZIO. Mi ne tedas vin per la neeviteblaj financaj problemoj, sed mi ne rajtas silenti la ideologiajn. Kiel ĉiuj scias, la marksistoj volonte konfuzas ideologion kun filozofio, kaj kutime konsideras ĉiun ideanalizon kiel propagandan agadon. Kiam iu nova kampo malfermiĝas al ideado, ili tuj ekflugas al klasbatalo. SIMPOZIO estas precize tia nova kampo, kaj la konsiloj de marksismaj kolegoj ne mankas por, aŭ ne pensadi, aŭ pensadi marksisme. Ĉiu penso estas elstomake deklarita aŭ neutila, aŭ falsa, se ĝi ne kongruas kun la ilia. Ili eĉ ne volas, ke oni elmetu la demandon kial, krom MARX, ne ekzistas fama marksisma filozofo. La problemo diskutita estis kiel eviti la sekvojn de la marksisma teĥniko (tio estas de la metodo, kiu konsistas aŭ predikadi marksismon, aŭ okupi la lokon per nefilozofiaj, ideologie balastaj, tekstoj por ke kiuj ne samopinias kun ili ne trovu



**ĉi tiujn 4 paĝojn povos postuli ĉiuj grupoj de MFKA, se ili havas pli ol 50 membroj, kiuj abonas "LA GAZETO"-n, por bele eldoni siajn bultenojn, informilojn, aŭ fakajn revuojn. Pripensu : 72 paĝoj ĉiujare !**

lokon por esprimiĝi) al la revuo SIMPOZIO, kiu evidente ne volas cenzuradi la tekstojn de la membroj de la filozofia asocio.

En **Aŭgsburgo** ilustradon de la dirita metodo ni vidis dum la dua simpozio, kie la sovetisme mastrata UEA "preparigis" filozofian simpozion. El kvar prelegoj nur unu, tiu de prof. d-ro Helmar Frank, estis filozofia. Li pritraktis la problemaron de la evoluigo de la esperanta literatura lingvo al kibernetika aksioma-dedukta lingvaĵsistemo. La aŭskultantaro tre malbone komprenis lian tre valoran prilogikan prelegon kaj kredis, ke temas pri esperantologia lingvistiko. Oni ne povas paroli ĉi tie pri la tri aliaj prelegoj, certe valoraj en siaj lingvistikaj aŭ arĥeologiaj fakoj, sed en Aŭgsburgo simple utiligitaj por malhelpi, per tempomanko, ĉiujn fundamentajn filozofiajn diskutadojn aŭ prelegojn. Videble, UEA ne volas internacilingvan filozofion, kies logika disvastiĝo endanĝerigus la profiton, kiun la komplicaro de la Hamburga puĉo esperis. Kompreneble, vi ne povas havi kasedon pri la prelego de prof. d-ro Frank, la organizado en Aŭgsburgo ne estis sufiĉe moderna por tiaj facilaĵoj. Pluraj filozofoj spontanee anoncis post la Aŭgsburga simpozio, ke venontjare ili partoprenos la IF-on de MFKA en Ateno por ne esti denove trompataj en Pekino. Unu el ili, d-ro B.V. Moro, eĉ aliĝis al la Atena konferenco kaj promesis prepari prelegon pri la temo: "Taoisma WU-WEI kaj okcidenta koncepto de PACO". Li kompreneble estas specialisto de ĉina klasika filozofio. Feliĉe -li diris- ke prof. Paŭli kaj mi mem ĉeestis la filozofian simpozion, se ne, li reirintus Tajvanon kun profunda disreviĝo pri la Eŭropa esperantlingva filozofia agado kaj li ne estus entreprenínta la tradukadon de la plej fama ĉina filozofo: LAŬ ZI.

*EdZ.*



# KRUCVORTENIGMO




**Horizontale**

1 - Datrevena - Fakte jes
2 - Ĉu vi jam ... al la 2-a IF - Krurpart'
3 - Ŝajnigo - Argumento
4 - Okazontaj
5 - Silabo nin dividanta - Pieda vetur' - Familia afikso
6 - Fermot' - Ties
7 - Ajnkvalitaj - Traspaciĝi
8 - 100 m² - Bebmanan
9 - Egoo - Unua Afrika lando de MFKA
10 - Pafaĵaroj

**Vertikale**

1 - Terrondiro - Ina havaĵo
2 - Neinteresa homo - Avertu
3 - Rajtigiloj - Virin' feministe
4 - Maltransitivas - etlumlaM
5 - Pronomo - Tiakvanta
6 - Protektantaron
7 - Gravedeblul' - Unuopa kontraŭstar'
8 - Aliancaj landetoj
9 - Remi - Efikprodukt'
10 - Grupoj - Estos laŭhazarde

## MAGIA KVADRATO

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | 3 | | 6 |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | 5 | 4 | | 2 | |

**Ĉu vi scipovus kompletigi ĉi tiun kvadraton per nombroj inter 7 kaj 36 tiel ke ĝi estu "magia", t.e. ke ĉiuj ĝiaj linioj, kolumnoj kaj diagonaloj sumu je 111 ?**

[ solvo en numero 1]

# ABONILO

resendota al "LA GAZETO"
39, rue J. Hénot - Metz (Francio)

☐ mi abonas al "LA GAZETO " kaj tuj ĝiras, sur la poŝtĉekkonton " Club d'Espéranto de Metz - n° 762 79 P NANCY," 150 francajn frankojn por jara abono (18 sinsekvaj numeroj), aŭ 80 frankojn por duonjara abono(9 sinsekvaj numeroj), aŭ 54 frankojn por trionjara abono(6 sinsekvaj numeroj).

☐ mi abonas al " LA GAZETO " kaj sendas al mialanda peranto la egalvaloron, kiun mi trovas sur la 2-a paĝo kun la nomo kaj adreso de la peranto, de 22 ekuoj por jara abono(18 sinsekvaj numeroj), aŭ la egalvaloron de 12 ekuoj por duonjara abono(9 sinsekvaj numeroj), aŭ la egalvaloron de 8 ekuoj por trionjara abono(6 sinsekvaj numeroj).

☐ mi abonas al "LA GAZETO" por 18, aŭ 9, aŭ 6 sinsekvaj numeroj, sed mi deziras pagi nur post ricevo de via fakturo kaj klarigoj pri la transpagaj eblecoj el mia lando.

☐ mi deziras subteni "LA GAZETO"-n kaj mi tuj ĝiras al la poŝtĉekkonto "Club d'Espéranto de Metz - n° 762 79 P NANCY" almenaŭ la trioblon de jara abono.

*mia nomo estas :*

___

*mia adreso estas :*

___

___

___

*mi abonas ☐ 18 sinsekvajn numerojn, ☐ 9 sinsekvajn numerojn, ☐ 6 sinsekvajn numerojn kaj subskribas:*

___



# 7000 TAGOJ EN SIBERIO

## DE KARLO ŜTAJNER

Karlo Ŝtajner naskiĝis en Aŭstrio en 1902. 18-jara, li jam estas gvidanto de komunista junularo. La Partio sendas lin en Jugoslavion kaj, poste, en Moskvon, kie li laboras en la Balkana sekcio de Kominterno. En 1936, iom post edziĝo kun Sonja, fidela rusino kiu atendos lin dum 20 jaroj, la NKVD (la fifama Sovetia politika polico) arestas lin. Tiam komencas tragedio kaj forperdo de tuta homa vivo. Ĉu li krimis? Ne. Almenaŭ ne plie, ol milionoj da idealismaj homoj. Li fariĝis viktimo de politiko realisma, kies apoganto kaj adepto li estis. Pro tio la legado de la priskribo de lia pluvivo, dum preskaŭ dudek jaroj, en la "gulago", ĉi tiu sovetisma versio de naziaj "lageroj", (koncentrejoj de kaptitoj), estas ege interesa. Ŝtajner estas tipeca. Milionoj, samkiel li, ne kapablas kompreni kio implicas, necese, kion. Li dum ĉi tiuj teruraj 20 jaroj, gardis sian komunisman fidon, akuzante Stalinon, do simplan homan individuon kaj ne la sistemon socialisman, pri la sortobatoj. Li memorigas nin atestantoj de Jehovo, suferintajn en Ugando, aŭ judajn rabenojn en Dachau, tio estas homojn, kiuj gardas sian fidon kaj akceptas la suferojn sen vidi tion, kio, en sia propra ideologio, kaŭzis, almenaŭ parte, la eventojn. Li ne aperas tre simpatia en siaj rememoraĵoj, kaj la leganto balanciĝas inter kompato kaj "ci volis tion, Georgo Dandin". Li ne filozofiumas, tamen la seka



priskribo de la ĉiutaga vivo, aŭ, plibone, la ĉiutaga nemortado, elmontras, ke li pensadas. Legante ĉi tiun libron, oni miras pri la vivapetito de homoj, ĉar vidante elekstere, oni ne povas malhelpi sin pensi, ke sinmortigo estus pli bona solvo, ol la pluvivado en gulago. Neĝo, koto, frosto, fekaĵo, torturado, mortpafado, mortbatado, senmoraligo, animmortigo, sadismo, fanatismo, ... - nenio mankas el ĉi tiuj rememoraĵoj. Esperantista leganto ne povas legadi ĉi tiujn priskribojn sen pensi, ke samloke kaj sammomente miloj da Esperantistoj martiriĝis pro Esperanto. Ĉu mi, ĉu vi, estus kapablaj elteni tiom pro nia idealo? Ĉiukaze, oni perfekte komprenas la sistemon, kies ideologio estas, ke homo estas nur socia animalo, kaj kiu fakte klopodas efektive bestigi la homojn. Entute do temas pri dokumentaro nepre legenda de ĉiuj, kiuj bonŝancas loĝadi en okcidentaj landoj kaj kiuj, pro sia edukado humanisma, ne povas eĉ imagi kio estas praktike, ĉiutage, je la nivelo de individua haŭto, la sovetisma totalismo.

La originala teksto estas kroata, kaj la Titoisma jugoslava ŝtato permesis la eldonadon de ĉi tiu libro, kiu, siatempe, pruvis, se ja necesis pruvo, la pravon de Tito gardi sian ŝtaton ekstere de la sovetisma bloko, kaj ke oni povas resti komunisto, malgraŭ la ekzisto de Sovetio kaj ĝia ŝtatsistemo. La esperantigo estas bona, sed kompreneble ne temas pri beletra verko. Eble, cetere, la senstileco de ĉi tiu verko eĉ kontribuas al ĝia efikeco.

*J. E.*







# KIEL RAYMOND SCHWARTZ ENIRIS PARADIZON?

Kiam Raymond Schwartz sin prezentis en la atendo-ĉambro de Paradizo, la granda pordisto anĝela baris al li la vojon per sia fajra spado: "Malantaŭen, malpiulo! li ekkriis; kiel vi aŭdacas aperi en ĉi tiu sanktega loko? Inferen! Inferen! Kun viaj samuloj! Je la Eternulo vi rifuzis kredi, kaj nun vi pretendas loĝi ĉe Li? - Pri kia eter-nulo vi parolis? respondis nia fama kabaretisto; mi neniam aŭdis pri tiu nenio loĝanta en la etero. - Ne eter-nulo, sed Etern-ulo; Dio, se vi volas! Vi do ne vidas, ke vi malbone faris dividon? - Jes, mi ĝin konfesas; sed komprenu, ke, malbone farante la dividon, mi ne povis havi la di-vidon. - Ĉu vi neniam aŭdis paroli pri Li? Ĉu vi ne estis informita? - Rigardu min, mi petas: ĉu mi ricevis inan formon? - Nen, kriis la anĝelo ekelradikigante al si la plumojn de la flugiloj, mi parolis pri informo, unuvorte. Cetere, Dio mem venis sur la teron: ĉu ankaŭ pri tio vi nenion sciis? - Ne, senkulpigu min: ĉu mi povis diveni la di-venon? - Almenaŭ vi povis serĉi la veron! - Mi serĉis la veron, tio estas preskaŭ sama aĵo. - Kio ajn estu, rigardu ĉi tiun dosieregon: ene estas via tuta diboĉa vivo. Ne kredu, ke tiele oni eniras ĉielen. - Tio min mirigas, mi ja kredis, ke ĉiele oni eniras ĉielen."

Timante ekkoleri, kio estas peko, eĉ por paradizano, la anĝelo diris al li kun sopiro: "Ne moviĝu el ĉi tie: mi tuj serĉos sanktan Petron, kiu decidos." Tuj maltrankviliĝis Raymond Schwartz pro la ideo alfronti homon, kies tuta kariero estis bazita sur fama kaj sankta vortludo, des pli ke, rigardante la kovrilon de sia dosiero, li legis sub sia nomo la mencion **ateisto**. Sed tiam eniris en la atendo-ĉambron dikventra kaj ridetvizaĝa sanktulo, kiu, rimarkinte la verdan stelon sur lia kolumo, tuj etendis la brakojn: " Kara samideano, li diris, kia ĝojo akcepti vin ĉi tie. Mi esperas, ke vi rekonas min: sankta Pio Xa, kiu tiom ŝatis Esperanton! Venu do, ni promenos kune. - Mi vin tre dankas; bedaŭrinde, mi ne povas vin sekvi: tuj venos juĝi min sankta Petro, kaj mi timas, ke mia dosiero ne plaĉos al li... - Mi rigardu iom: ha! vi estas la fama Raymond Schwartz! Hm! viaj verkoj ne estas ĉiam tre prudaj; sed miaopinie la orgojlo ja estas la plej granda kaj la plej malboniga peko. Kion do oni opiniu pri miaj posteuloj, kiuj ŝatas paradi antaŭ ĉiuj per sia plurlingveco, legante kristnaskajn mesaĝojn en kvardek aŭ kvindek idiomoj, sed el kiuj neniu kuraĝus spiti la homan stultecon uzante Esperanton? - Vi estas tre afabla, kaj mi kunportos tre bonan memoron pri vi en la inferon; kia malfeliĉo, ke ne gravas via opinio sed tiu de sankta Petro. - Tion mi scias. Ho, Dio mia, helpu min... Jes ja! mi trovis." Kaj sur la kovrilo li rapide ŝanĝis **ateisto**-n al **atisto**; poste li diskrete foriris, aŭdinte, ke sankta Petro alvenas.

Ĉi tiu aperis kun la mieno tedigita de homo, kiun premegas laboro kaj tamen senĉese vokas liaj subuloj pro nuraj bagateloj. Li distre rigardis la kovrilon de la dosiero kaj ekkriis: "Atisto! por atisto vi min venigis! Sed atismo estas stultaĵo kaj ne peko: sendu lin al la ĉiela frenezulejo ĝis kompleta resaniĝo, tio estas, kiam li povos reciti parkere la paragrafojn 112an, 113an kaj 114an de la **Plena Analiza Gramatiko.**" Miregante, la anĝelo ne kuraĝis protesti kaj telefonis al la direktoro de la frenezulejo. Aŭdiĝis tondra voĉo: "Ĉe mi? kien ni lin metu? Tiom da frenezuloj ni ricevis, ke ĉio estas nun plenplena. Por havigi al ni iom da loko en nia malsanulejo, ni estis devigitaj sendi la seksobsedatojn al la kancerkliniko. Elkotiĝu mem!"

Se li jam ne estus en la ĉielo, sankta Petro levus la brakojn al ĝi; sed Raymond Schwartz ekkaptis la ŝancon: "Sur sia morta lito, li diris, oni pripensas multe, kaj tiumomente mi komprenis mian eraron;la atismon mi solene malkonfesas kaj, por pruvi mian sinceron, mi tuj prezentos al vi disertaĵon pri tiu demando." Kaj li komencis tiel admirindan demonstron, ke ĝi konvinkus ne nur la atistojn sed eĉ la atastojn, se ili ekzistus. Respekte kliniĝis sankta Petro, larĝe malfermiĝis la pordego de la ĉielo, kaj, dum la anĝelaj trompetoj ludis **La Espero**-n, sankta Raymond Schwartz eniris paradizon, aklamate de la tuta samideana sanktularo, atendinta lin maltrankvile.

Estas sciinde, ke sankta Petro, pli malfrue rigardinte kun iom pli da atento la dosieron, komprenis, ke li estis trompita kaj volis plendi al Dio. Sed Ĉi Tiu, vivante samtempe en ĉiuj tempoj, estis nun redaktanta la Malnovan Testamenton donotan al la Judoj; kaj sankta Petro foriris piedpinte, ne kuraĝante ĝeni Dion en Verkata Testamento.

*B. AUNIS*



# TEZOJ PRI LA ESPLORPOSTULOJ PRI LA ZAMENHOFAJ VERKO KAJ VIVO KAJ TIES INFLUO EN LA ESPERANTO-MOVADO

Esploristo de la verko de Zamenhof kaj de la Esperanto-movado staras antaŭ pli da nesciataj ol sciataj problemoj. Neceso de la esploroj estas nepra. Neniam tiaj science okazis. Aldone ili estas postulataj de la nova epoko (el historioscienca vidpunkto), kiu posedas novan rigardon al estinteco. Nia historio "mitiĝas". Pli kaj pli malfacile estas trovi sciencan veron, mitoj falsas historian bildon kaj kaŭzas problemojn por la estonteco.

## 1. Esploroj de la epoko

T e z o: Zamenhof estis disŝirita inter du epokoj: Haskala kaj pozitivismo. Kiel judo li estis haskalisto, kiel "ne-judo" li estis pozitivisto. Haskala estis la fluo de la juda klerigo kiu komenciĝis fine de la 19-a jarcento en Germanio kaj tuj hejmiĝis en orienta Eŭropo. El Haskala Zamenhof ĉerpis ĉefajn vokvortojn de sia doktrino: egaleco, frateco, justeco. Neniam li observis ekonomiajn aspektojn de la socio. Tiuj devenis jam de la frua pozitivismo. La juda Haskala estis malfrua rilate al la okcidenta kaj pola klerigo almenaŭ je unu jarcento. Pola klerigo avangardis monde: unua ministerio pri klerigo, dua skriba konstitucio (post la usona). Mankas esploroj pri Haskala ĝenerale en Pollando (ni ĉiam memoru la farojn de hitlerismo). Mankas fontoj, pli kaj pli da homoj ne scipovas la jidan, ĝi fariĝas lingvo de la sciencistoj (sendepende de la nacia deveno), kiuj eksploras tiujn problemojn. Tio, kion ĉerpis Zamenhof el pozitivismo estas: de Comte - sciencisto estas sacerdoto, agoj esencas en religia sintezo; de Taine - la plej pura esenco de scienco estas en religio. Sciencismo ĉe Zamenhof: "oni devas memori, ke ĝi parolas nur pri tiaj instruoj, kiuj ne kontraŭparolas al la s c i e n c o..." OV 321. Oni devas rigardi la pozitivismon de Zamenhof elfluantan el pozitivisma metafiziko. Ja pozitivismo estas ia sintezo de la scienca klerigo kaj mistika romantismo.

K o n k l u d o: religiaj doktrinoj de Zamenhof atendas priskribon el Haskala kaj pozitivisma vidpunktoj sur la fono de la epoko.

## 2. La scio de Zamenhof

**Tezoj:**

Filozofie: pri la ontologio kaj epistemologio Zamenhof havis neniun apartan vidpunkton.

Religie: Zamenhof estis deisto (ofte oni eraras komparante lian doktrinon kun la sistemo de Spinoza) kaj universalisto en la senco esprimita de Cherbury (1581-1648): en la pozitivaj religioj kaj konfesoj oni devas dividi tion, kio estas komuna por ili de tio, kion aldonis "falsaj" pastroj. Ĝenerala konsento pri religio koncernas: la plej superan scion, NUMEN. Oni devas ĝin adori. La fundamento de ĉiu kulto estas pureco de internaj deziroj. Fundamente de tio oni forĵetas teoriosciencajn valorojn de la revelacio, ĉar scienco sufiĉas por atingi ilin. Kadre de sia deismo Cherbury strebis trovi komunan fundamenton por ĉiuj religioj kaj per tio forigi fonton de la fanatismo kaj religiaj militoj.

Etike: Zamenhof estis platonisto en la senco, ke li opiniis ekziston de la ideoj al kiuj oni devas strebi. Tiujn ideojn oni atingas per neŭtraligoj (neŭtrala religio, popolo, etiko). Li estis ankaŭ Kantisto. Zamenhof per principo de sia ĉefa "dogmo" prenita el Hillel, volis disvolvi tiun penson. Antaŭ Zamenhof plej elstare okupiĝis pri tio Kant. Li formulis universalan, neŭtralan (?) etikon pli profunde kaj pli motivige ol Zamenhof.

Socie: oni trovas eksterordinaran parencecon de la socia penso de Zamenhof lige kun la verko de Ludwik Gumplowicz (1838-1909): "...ne idilia stato de la paco ... sed eterna milito estis normala stato de la homaro en ĉiuj tempoj. La agoj de la homaro, same nuntempe, prezentas al ni bildojn de la senĉesaj bataloj de triboj kontraŭ triboj, de gentoj kontraŭ gentoj, popoloj kaj nacioj". Gumplowicz esprimas ĉefajn tezojn de sia sistemo en "Der Rassenkampf" 1833. La citita fragmento devenas el "System sociologii", kiu aperis en 1887 en Varsovio (rim.: samdatan aperon de Esperanto).

Dio: de Zamenhof estas pure kristana: bona, pardonema, ne enmiksiĝanta en la homajn problemojn, milda, "frata" spite al la judisma Dio, kiu estas nervoza, ĵaluza, severa, punema, "patra".

Neŭtraligo: estas la procezo kiun ni povus tre proksime meti al la nocio: redempto, t.e. elaĉetado fare de Kristo. Plej verŝajne r e d e m p t i signifas en la religio de Zamenhof n e ŭ t r a l i g i.

K o n k l u d o: necesas pli profunde analizi fontojn de la scio kaj la scion de Zamenhof. Li

mem opinias ne ĝusta, montri siajn fontojn de la scio. Inter ĉiuj aliaj elpensaĵoj ni trovas fortajn ligojn (verŝajne fundamentajn) kun la Malnova Testamento.

3. Zamenhof pri si mem

Silfer ĝuste rimarkas: "... ke Zamenhof prezentis koheran, sed ne precizan bildon pri si." (LF 64). Tio naskas multajn mitojn:

**a)** Bjalistoko: unu el la aspektoj de la mito ni trovas en la citita artikolo de Silfer, la alia koncernas tion, ke Zamenhof escepte de fifama pogromo - laŭ ni - ne multe sciis kaj memoris pri Bjalistoko. Kiam li verkis la faman leteron al Borovko, li jam vivis de 22 jaroj en Varsovio. Ne Bjalistoko, sed Varsovio estas pli ŝoka por Zamenhofa mondkoncepto. De la 14-a ĝis la 36-a jaraĝo de Zamenhof (li estis 14 jaraĝa kiam li translokiĝis al Varsovio kaj 36 jaraĝa kiam verkis la faman leteron al Borovko) Varsovio triobliĝis, same kreskis la proporcio de aliaj popoloj de la urbo rilate polojn. Judoj (fine de la 19-a jc.) 40%, rusoj 8%, francoj, germanoj, italoj 3,5% aliaj 3%, cetero estis poloj. Konfliktoj okazis sur ĉiu paŝo. Pro cara politiko oni vekis antisemitismon.

K o n k l u d o: oni povas dubi ĉu ĉe Zamenhof ĉefrolis Bjalistoko en la motivo krei Esperanton. **Sendube Esperanto, Hillelismo kaj Homaranismo estas "infanoj" de Varsovio.** Necesas pli profunde konatiĝi kun Varsovio de la fino de la 19-a jarcento. Bedaŭrinde malĝuste oni serĉas pli kaj pli fontojn de la Zamenhofa verko en Bjalistoko, dum ja devis esti inverse.

**b)** Ido-skismo: Waringhien prave rimarkas en leteroj de L.L.Z., ke iel opozicio al la sociaj (resp. religiaj doktrinoj de Zamenhof) kaŭzis ido-skismon. Waringhien eĉ supozas, ke se oni obeus (tio estas se obeus Zamenhof kaj opoziciuloj) konsilojn de Michaux (L.L.Z. I 12) "... oni eble ŝparus la Ido-krizon, aŭ almenaŭ preskaŭ neniigus ĝiajn sekvojn...". Tiu grava epizodo devas esti denove reanalizita. Oni povas antaŭvidi pluajn konfliktojn en la movado. Necesas preni pli da instruoj el la Ido-skismo, kiu restis en la opiniaro de esperantistoj nur kiel "perfido" flanke de kelkaj francaj esperantistoj, dum mi riskas tezi, ke kaŭzoj estis pli profundaj kaj Zamenhof "mem" kulpas iusence.

**c)** Nacideveno (la pola aspekto): ne nur Zamenhof havis grandan opozicion inter francaj esperantistoj, sama aŭ pli forta estis opozicio ĉe la polaj esperantistoj. Se francoj ne tute akceptis "religian" vidpunkton de Zamenhof, poloj absolute ne povis konsenti kun Zamenhof en la nacia demando.



*S-ro Walter Zelazny*

Zamenhof en la letero al Javal (L.L.Z. I 264) skribas: "La plej akraj malamikoj de homaranismo estas la esperantistoj Varsoviaj, ĉar pro diversaj historiaj cirkonstancoj la poloj kutimis mezuri ĉion per du malsamaj mezuriloj ... sed, ke Polujo estu nomata "Varsovia Lando" kaj ke en Polujo ĉiuj lingvoj havu tiun saman rajton kiel la pola - tion-ĉi ili neniel volas konsenti kaj trovas, ke tia deziro estas io terura kaj freneza...".
Kompreneble ne temas pri polemiko kun Zamenhof, sed ja li forgesis, ke judoj ĝuste ne kredis per s-ta Paŭlo al kristanismo, ĉar li ne sukcesis respondi je la nacia demando de judoj. Ne mirinde, ke oni opiniis Zamenhofon kiel frenezan ĉi-teme kaj timis esprimi patriotismajn opiniojn ĉe Zamenhof des pli, ke poloj klare opiniis Markon Zamenhof kiel agento de la rusa imperiismo. Kio veras, kaj pri kio Drezen skribas, ke ne eblas, ke Marko havis malkonfidon ĉe policaj kaj urbaj rusaj instancoj.

K o n k l u d o: ĉu eblas rekta demando pri la nacieco de Zamenhof? Verŝajne oni devas per esploroj rimarki influojn de "nacioj" en la penson de Zamenhof. Estas senduba influo de la rusa imperiismo sur la penso de Zamenhof pri la neŭtraligo de la geografiaj nomoj. Diferencas celoj: rusoj "neŭtraligas" nomojn por regi kaj dividi, Zamenhof estis konvinkita trovi n e ŭ t r a l a n , u n i v e r s a l a n fundamenton por neŭtraligi la

nomojn. En ambaù kazoj strukturo estis sama: alinomi g e o g r a f i o n por koncernaj celoj. Oni devas kontroli tiun tezon.

**d)** Nacia personeco: Marko estis plena lojalisto al la rusa imperio.
Tion - malgraù, ke oni skribas ke Ludoviko havis multan antipation al sia patro - Ludoviko tamen konservis de la patro. Pro tio la familio de Zamenhof, kies kapo de la familio estis Marko, ne povis ricevi simpation de poloj. En la sekva generacio jam infanoj de Ludoviko opinias sin polaj judoj. Ĝuste Ludoviko estis inter "ruseco" kaj "poleco" kaj tio puŝis lin al "n e ù t r a l i s m o" kiun en la sama senco kiel ĉe Zamenhof eĉ liaj infanoj ne povis akcepti. Verŝajne tuta "poleco" de Zamenhof komenciĝis flanke de Klara, la edzino. La domo de Silbernick estis laù "nacia demando" plej juda, iom pola (absolute ne rusa), iomete litova.

K o n k l u d o: ĉio ĉi devigas novajn esplorojn.

*( d a ù r i g o t a )*

***Walter*** *Z E L A Z N Y*

# MAKSIMOJ DE HILELO

*( de 70 aK. ĝis 10 pK. )*

*La tuto de la leĝo estas: al aliulo ne faru tion, kion Ci ne volus, ke oni faru al Ci !*

*Mia animo estas kara gasto sur ĉi tiu tero, kaj al ĝi mi havas ĉiujn devojn de gastamo.*

*Ne juĝu aliulon se vi ankoraù ne estis tie, kie li estas.*

*Mia humileco estas la vojo de mia gloro.*

*Tie kie homo ne troviĝas, estu homo !*

*Ci amu la pacon kaj ege klopodu trovi ĝin, ĉar endas ami la homaron kaj provi inici ĝin al la Leĝo.*



# PRI NEÜTRALA POPOLO

**Z A M E N H O F**

Enradikiĝo de Esperanto ne eblas sen kreo de neùtrala popolo.

"... Estas vero, ke Esperanto havas nun la plej bonajn kaj brilantajn esperojn por la estonteco: kaj tamen -sufiĉe instruita de la sperto- mi ne estas optimisto! Estis tempo, kiam Volapük staris ankoraù multe pli brilante, – kaj tamen ... rapide kiel fulmo Volapük falis kaj el ĉiuj ĝiaj plej brilantaj esperoj restis n e n i o ! Se eĉ ĉiuj akademioj de la mondo akceptus Esperanton, se eĉ milionoj da personoj ĝin uzadus – nenio garantias, ke en la daùro de unu jaro ĝi subite ne estos forĵetita kaj forgesita por eterne! Se ĝi unu fojon "eliros el la modo", ĝi plej rapide pereos por ĉiam. Lingvo internacia fortikiĝos por ĉiam nur en tia okazo, se ekzistos ia grupo da homoj, kiu akceptus ĝin kiel sian lingvon familian, h e r e d a n . Cento da t i a j homoj estas por la ideo de lingvo neùtrala multege pli grava ol milionoj da aliaj homoj. Hereda lingvo de la plej malgranda kaj plej sensignifa popoleto havas vivon multege pli garantiitan kaj neestingeblan, ol senpopola lingvo, kiun uzus eĉ milionoj da homoj.

Jes, mi estas profunde konvinkita, ke nek solvo de la hebrea demando, nek **enradikiĝo de lingvo neùtrala estos iam ebla sen h i l e l i s m o, t.e. sen kreo de n e ù t r a l a p o p o l o.**

Sed kompreneble estus facilanimeco, se mi volus oferi Esperanton, kiu jam i o n atingis; mi oferus pro ideo, kiu eble ne estos akceptita kaj efektivigita. Sed mi tion ĉi ja n e faros. Por Esperanto ni laborados tiel same kiel antaùe, kaj la hilelismo nin ne detenos, tiel same kiel nin ne detenas la atendado de internacia komitato da akademioj, kiun esperas niaj francaj amikoj. **Nur en la okazo, se la ideo de hilelismo estos e f e k t i v i g i t a kaj se kolektiĝos kongreso de hilelistoj s u f i ĉ e g r a n d a k a j f o r t a – nur tiam ni ligos kun ĝi la sorton de lingvo internacia,** tiam mi deĵetos mian pseùdonimon kaj tiam mi proponos al la mondo esperantista, ke ili – pro la bono de Esperanto – akceptu la ŝanĝojn, kiujn la kongreso dezirus fari en Esperanto (aù ke ili akceptu tian a l i a n lingvon neùtralan, kiun la kongreso proponos). Ĝis tiu tempo la nomo de la aùtoro de hilelismo restos severe kaŝita (almenaù p u b l i k e ; se p r i v a t e multaj eble scios pri la aùtoro, tio ĉi nenion malhelpos); tamen, kiom ni povas, ni devas peni, ke mia nomo restu n e k o n a t a ..."

*( eltiraĵo el la letero je 28MAJ01 al KOFMAN )*





# METROPOLITENO

## de Vladimir Varankin

Vladimir Varankin naskiĝis en 1902, en Rusio, kaj pereis en Sovetio, en punlaborejo, dum la persekutoj kontraŭ la sovetia esperantistaro, en 1937.
Lia sola romano, METROPOLITENO, eldonita en 1933, en Amsterdam, estis preskaŭ forgesita, ĝis la reeldono en 1977., fare de TK-Kopenhago. Stranga estas ĉi tiu romano pro ĝia duobla strukturo: la heroo, Vitalij, redaktas sian tagkajeron, dum li studas la konstruadon de subtera fervojo en Berlino dum la politike teruraj jaroj 1928/29-aj. Tute samtempe Vitalij verkadas autobiografian romanon pri sia antaŭa vivo dum la postrevoluciaj jaroj en Moskvo. METROPOLITENO estas unika romano en la mondliteraturo, ĉar ĝi priskribas la komencon de la sovetia socio; la verkisto nek estas apologiisto de la sovetia reĝimo, nek malamika elmigrinto kiel estos aliaj verkistoj (Solĵenicin, Siniavski, Ginsburg, ktp). Ĉiuj konas la nun oftan filman farmanieron: la retrovokadon, per kiu la filmisto religas al nuna detalo tutan pasintan sencon. Varankin ofte retrovokadas en sia romano, kaj nia unua teksto estos precize tia retroirado: la rememoranto, Vitalij, en tramvagono, repensas pri sia ĵus pasinta vivo kun lia edzino, Olga:

Jen li estas fininta la universitaton kaj iĝis inĝeniero. La revoj estas realiĝintaj. La elektro, kiu depost la infanaĝo allogis lian atenton, ĉesis esti iu sekreto, ŝlosita en la fabela kofro. Ĝi malfermis antaŭ li eblojn de la plej interesa kaj diversspeca laboro... Li prenis oficon en **Mosñozupr** kaj laŭ sia deziro prilaboras projekton de l'metropoliteno. Olga ankaŭ devus esti kontenta. Kvar jarojn ili vivis nur per lia stipendio. Nun li havas, negrandan kvankam, sed tamen, pli-malpli sufiĉan salajron. Ŝi povas esti trankvila por la morgaŭa tago. La vivo, liberigita de la **turmentanta malriĉeco**, estas revenonta al la fontoj de ilia amo.

Ho ve! Lia laboro ŝajnas al li senfrukta. La tuta trusto estas malamiko de l'metropoliteno. La skizoj, por kiuj estas fordonitaj tiom da sendormaj noktoj, estas metataj sur breton kaj kovrataj de la polvo. Kaj Olga laciĝis! Ŝi alkutimiĝis vidi la vivon **tiel griza**! Ĉiam pli malofte aŭdiĝas ŝia rido kaj la okuloj fariĝas tro seriozaj. Kiam li komencas ŝerci, ŝi interrompas lin per severa levo de l'ŝultroj. **La kareso** mem donas ĝojon nur por unu momento. Olga ne deziras fidi la estonton. Vitalij ricevas dume malgrandan salajron, kaj ili nenion havas. Ĉio eluziĝis, ĉion oni devas ripari, multon aĉeti kaj eĉ la somerloĝejo, tiel necesa por la infano, signifas novan ŝuldon. Kiom da tempo estos do bezonata, por rehavigi la fortojn kaj vivenergion? La sano de ili ambaŭ ne statas ja bone: li havas pulmokataron, ŝi ricevis pro **abortoj kaj malfacila laboro** virinajn malsanojn. La juneco ŝajnas sonĝo, neniam ekzistinta reale. Ĉu ili amas ankoraŭ unu la alian? Ĉu ili ankoraŭ povas ami?

La demando aperis ŝtele kaj kvazaŭ malnobla mortigisto enigis en dorson de Vitalij akran tranĉilon. Li kuntiriĝis kaj, subite ĉesinte pensi pri la verda kloŝo kaj varma teo sur la verando, komencis atenteme aŭskulti, kio okazas en li, interne. Kaj bone eksentis, ke **de tie io foriras**. Foriras kun doloro, foriras por ĉiam... **Forlasante la hejmon**, loĝejon, ĉambron, kie oni loĝis multajn jarojn kaj kie ĉio estas tiom parenca kaj kara, la **homoj ĉagrene rigardas** la nudajn murojn, malpuran nebalaitan plankon, lampeton, kiu tiel solece pendas en la aero. Kaj apud la sojlo, ne havante fortojn transpasi ĝin, kiel ordinare, kiel ĉiam, oni prokrastas unu minuton, ĵetas la rigardon malantaŭen kaj la ĉambro ŝajnas esti kortuŝe kompatinda. Ŝajnas, ke ĝi esprimas iun mutan riproĉon, mutan petegon. Tiel ekrigardis Vitalij en sian koron kaj komprenis, ke la koro estas malplena. **El ĝi foriris la tiom hela iam sento.**

Nur kvar monatoj pasis de post **tiu tago** kaj la vivo konvinkigis lin pri **neevitebla fatala fino.**

◊ **MOSĤOZUPR:** "MOSkovskoje ĤOZjajstvennoje UPRavlenije", (t.e. Moskva Trusto por Urba Mastrumado).
Mallongigoj konstruitaj sur la unuaj silaboj de vortoj estas tre oftaj en la rusa lingvo (Komsomol,Ĉeka, ktp.). Ili ne disvastiĝis en esperanta lingvo, kie oni preferas mallongigojn bazitajn sur la unuaj literoj (NEM, SAT, ktp.)

◊ **turmentanta malriĉeco:** Post la revolucio de 1917 la rusa ekonomio kolapsis. Dum la jaroj 1918-21-aj, la malsatego mortigis milionojn da homoj. La absoluta prioritato de la industria pligrandiĝo, sekve la sovetismajn teoriojn, reduktis ĝis minimumo la vivrimedojn de sovetiaj civitanoj.

◊ **tiel griza:** Ĉu Olga mem estas griza, kaj ne la vivo? Se ne, oni devus diri "tiel grizan". Fakte, homoj fine similadas al siaj pensoj, kaj ne estus mirinde se Olga grizmiene vidus la vivon kiu malplaĉas al ŝi.

◊ **La kareso:** Eŭfemismo por "amoro". Varankin priskribadas la erotikan ( : priamoran) vivon tre honeste, sed sen la krudeco kutima de aliaj sovetiaj aŭtoroj (Ŝoloĥov). Li malsimilas de Esperantaj verkistoj, kies banala bluflozeco (t.e. senpsikologia, sensperta, artefarita elmontrado de bonsentoj) malaltigas la nivelon de nia literaturo.

◊ **abortoj kaj malfacila laboro:** La postrevolucio seksa laksismo (permesismo), kiun Lenin haltigis en 1921 kaj la egaleco de devoj kaj rajtoj inter ambaŭ seksoj en socio tre patriarĥa, grave malekvilibrigis la virinojn, kies hejma edukado tute ne kongruis kun la lerneja. La strebado al pli facila vivo kaj la samtempa labordevigo igis la infanojn ne dezirindajn, sed efikaj kontraŭkonceptaj rimedoj ne ekzistis. Do la abortoj solvis draste ĉi-tipajn problemojn, kun la malsanigaj konsekvencoj.

◊ **de tie io foriras:** Kio foriras de la interna mio de Vitalij? Lia amo por Olga, kaj ankaŭ, kun ĝi, lia juneca romantikismo. Lia juneco fariĝas fremda al lia plenkreskeco.

◊ **Forlasante la hejmon ... la homoj ĉagrene rigardas...:** La verkisto priskribas la doloran senton de Vitalij, komparante ties moralan konsciencon kun la konkreta situacio de ĉiuj homoj, kiam ili forlasas lokon iam karegan.
Varankin substrekas la moralan rompiĝon, ju pli internan, des pli doloran.

◊ **El ĝi foriris la tiom hela iam sento:** Ekzemplo de la tiel nomata "slava stilo" de Varankin. En Esperanto, vortordo gramatika ne ekzistas, tamen la kunmetaĵo, kie la flankelemento determinanta antaŭas la determinantan ĉefelementon, altrudas iun vortordon. Por "sento", "hela" estas pli determinanta ol "iam" kiu estas adverbo. "Tiom" modifante la sencon de "hela" devas resti antaŭ ĝi, do nuntempe ni dirus: "El ĝi foriris la iam tiom hela sento".

◊ **tiu tago:** ...kiam li revenis de kunveno, kie oni ne subtenis liajn opiniojn pri la neceso konstrui subteran fervojlinion, tiel nomatan "metropolitenon".

◊ **neevitebla fatala fino:** Vitalij, estante komunisto, normale ne devus kredi pri fatalo, se fatalo signifas: "Doktrino laŭ kiu ĉio estas neeviteble antaŭfiksita malgraŭ ĉia ajn kontraŭstaro de la homa volo." (PIV).
Ĉu eblas ke tiuj lastaj kvar monatoj konvinkis lin pri ĝi? Pli valoras supozi ke temas pri nur retorika figuro: "neevitebla fatala" estus simple poezia rediro (redundanco). Vitalij ne plu esperas reflorantan ĝojan geedzan vivon. Komencante sian romanon, en la kruda etoso de Berlino, nekonscie li jam serĉadas senkulpigojn pro venonta amaventuro.

K O N K L U D O
Per ĉi tiu unua teksto la romano ŝajnas enlistiĝi inter la tiel nomataj "romanoj pri la individua ekzisto", elvokante la saman etoson kiel la romanoj de Kafka: La heroo senĉese aŭskultadas kio okazas en lia interno. Lin doloras la neevitebla breĉo kiu profundiĝas inter li kaj la mondo. La konflikto ne stariĝas inter du sociaj klasoj, du grupoj, sed inter la individua "mio" kaj la mondo.
Aliaj tekstoj ekmontros ke la socian kaj politikan vivon ankaŭ substrekis Varankin.

*( d a ŭ r i g o t a )*

*E K Z A M E N A   T A S K O*

**Kion vi ĉefe deziras, kiam vi legas romanon?**
Ĉu priskribado de la objektiva mondo, ĉu analizado de la subjektivaj sentoj de la personoj?
Kial? Donu ekzemplojn.

*J. L. P A C C O U D*
*agregacia profesoro pri beletroj*








# LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

En ĉi tiu rubriko enestos rimarkoj aŭ notoj pri plej diversaj, foje delikataj se ne tiklaj punktoj de la gramatiko.

**PREFIKSOJ PREPOZICIAJ**

Ĉefa karakterizaĵo de Esperanto konsistas el facila uzado de kunmetaĵoj, kiuj formiĝas preskaŭ spontanee laŭ la bezono de la pensirado kaj per vortetoj plej ofte unusilabaj.

Ekzemple la vorto *"ellasilo"* trovebla en la teksto *"Ĉu vi vere manĝis hundaĵon?"* estas formita per:

- **el** - prepozicio prefikse uzita kun la senco "eksteren";
- **las** - verba radiko: ne malhelpi / eĉ faciligi;
- **il** - sufikso: instrumento;
- **o** - substantiva finaĵo;

kun la ĝenerala signifo de *"ellastubo"*, t.e. ilo longa kaj kava, kiu ebligas forĵeti la gasojn de aŭtomobila motoro.

El inter multaj vortetoj (same kiel, eĉ pli ol, en la latina lingvo) la prepozicioj kiel *"el"* ludas kvazaŭ prefiksan gravan rolon en la formiĝo de tiaj kunmetitaj vortoj.

**Nu kio estas prefikso kaj kio prepozicio?**

**Prepozicio** estas vorteto uzata por submeti vorton sub alian kaj tiel enkonduki kun nuanco komplementon, ekzemple: - ***al** juna viro* - ***sub** palmo* - *iom **da** tempo* - ktp.

**Prefikso** estas vorteto memstara, kiu, almetite al vorto, modifas ĝian signifon, ekzemple: - ***ek**paneis* - ***re**gluis* - ktp.

Dum la prepozicio ne ligiĝas al la vorto, la prefikso ĉiam algluiĝas; sed jen, kiam prefikse uzata, ankaŭ prepozicio kunligiĝas:

*Li prenis la valizon **kun** si.* - prepozicia uzado
*Li kunprenis la valizon.* - prefiksa uzado.

Prefikse uzataj, la plej oftaj estas la lokaj prepozicioj kun stat- aŭ mov-verboj:

*Esti - alesti, apudesti, ĉeesti, enesti, foresti, kunesti...*
*Iri - aliri, antaŭiri, ĉirkaŭiri, deiri, eliri, eniri, foriri, laŭiri, postiri, preteriri, subiri, trairi, transiri...*

**Ekzerco** - (Uzi unu el la ĉi-supraj verboj taŭgan laŭ la senco)

*1. Al la pordo li tuj ... por malŝlosi ĝin.*
*2. Li invitis vin ... la kunvenon por via informiĝo.*
*3. La larĝa vojo ... la vilaĝon por eviti obstrukcon.*
*4. En ĉi tiu rubriko ... rimarkoj aŭ notoj.*
*5. Je kioma horo ĉi tiu trajno ... de Parizo.*
*6. Kiom da tagoj vi ... por tiu vojaĝo?*
*7. Sen timo li fus ... en la subteran galerion.*
*8. En agrabla etoso hieraŭ ... la grupanoj.*
*9. Nun la barko ... la serpentaĵojn de la rivero.*
*10. Li ... la ŝoseon kaj poste ... la tutan straton.*

(SOLVO EN LA VENONTA NUMERO)

**La efiko de la kunmetado** ofte ebligas transformi netransitivan verbon en transitivan:

- *La preleganto parolas **pri** la socia vivo en la ŝtonepoko.*

*aŭ*

- *La preleganto **pri**parolas la socian vivon en la ŝtonepoko.*

La analizo de tiaj verbaj kunmetaĵoj estas duobla: la prepozicio efikas

- aŭ kiel adverbo (do, rilate al la verbo);
- aŭ kiel predikativo (sekve rilate al la subjekto).

*La membroj de la klubo kunvenis je la 9-a vespere.*

*aŭ Ili venis **kunen**,* kaj tio substrekas la direkton;
*aŭ ili venis **kunaj**,* kaj tio reliefigas la rezulton (por esti kunaj).

(Por pliaj detaloj konsulti la Plenan Analizan Gramatikon de Kalocsay kaj Waringhien, p. 483, §373).

Aliflanke necesas ne konfuzi la kunmetaĵojn de kunverbaj prepozicioj kun la simple derivaj prepoziciaj kompleksoj, kiel:

*senhoma = (sen homo)-a / senhome = (sen homo)-e*
*subtera = (sub tero)-a / senhomigi = igi (sen homo)-a*
*interakto = (inter du aktoj)-o*

En ĉiu analizo de kunmetaĵo gravas la gramatika karaktero de la radiko.

*Ĝis la venonta punkto.*

***J. T.***

# ĈU VI VERE MANĜIS HUNDAĴON

Ĉi tiun demandon metis bluokula, slavtipa, juna virino al juna viro, sidanta fronte al ŝi, en blanka landrovero[1]. La granda aŭto, sub palmo alta, en la korto de HOTEL NIGER , en Niamejo, similis al aliaj, kiuj ankaŭ provis uzi la maldensajn ombrojn de Afrikaj arboj. Ankaŭ en ĝi estis du dormotabuloj, kiujn la okupantoj obstine nomadis "litoj", ĵerikanoj[2],ladskatoloj, mapoj, libroj, fotoaparatoj kaj nepriskribebla amasiĝo de nenomeblaj aĵoj.

-... hundaĵon?- li ripetis por gajni iom da tempo.- Fakte, jes. Sed ne nun, ...dum mia unua vojaĝo, kiam mi veturadis tute sola per malgrandeta R4[3], kiu ekpaneis en la veprejego[4]. Ne la motoro, ...tiun mi reparadas, sed tri pneŭoj, unu post la alia. Mi demetis la bendojn, regluis la aertubojn,remetis la bendojn, sed difektiĝis mia pumpilo. Mi faris tubon el difektita aertubo, religis ĝin al la ellasilo kaj ek-igis la motoron. Mi atingis 0.8 . Endas 2,1! Kaj mi difektigis la ellasilon. En la ellasilo estas krado...



-Jes, sed la hundo, ĉu?

-Nu, pri la hundo, iom poste... Sekve de ĉi tiu paneo kaj la aĉa veturado, kiun mi faris poste, mi malsaniĝis, mi renkontis Rafaelon kaj Monan. Mi rakontos ĉi ĉion... La frato de Rafaelo aĉetis hundaĵon...

-Kie?

-Sur la foirejo de Bambuaka', mi supozas, mi estis tro malsana, la hundon ne vidis. Li aĉetis du kilogramojn.

-Ĉu ĝi bongustis?

-Ne, ne tro. Ĝi iom odoraĉas. Hundoj manĝas putritan viandon, kadavrojn, fekaĵojn...Ĉio-ĉi restas en la gusto. Pu...!

Li rapide fermis la manon sur multekostan bierskatolon el lado, por forigi la memorigitan guston per tralavaĵo.

(daŭrigota)

N o t o j :

1. landrovero: Land-Rover aŭtomobilo
2. ĵerikano: skatolforma, ĝenerale 20-litra, lada ujo por benzino, gasoleo aŭ akvo
3. Renault R4: franca populara malgranda aŭtomobilo
4. veprejego: sovaĝejo, kie kreskas arbetaro plejparte pikanta pro grandegaj, akraj dornoj.

